# Tokipono

## La lingvo de bono



Sonja Lang

Tradukis el la angla
Spencer van der Meulen

La originalan anglan eldonon kontrolis Christopher Huff (*jan Kowisi*), Matthew Chisholm (*jan Matejo*), Joop Kiefte (*jan Mimoku*), Michael Everson, Aaron Chapman (*jan Alono*), John Clifford (*jan Kipo*), Matthew Martin (*jan Mato*), Bryant J. Knight (*jan Pije*), Robert Warnke (*jan Lope*), Sam Brenner (*jan San*), Kobi Kai Calev (*jan Ka*), Nizar Habash (*jan Nisa*) kaj Paul Swift (*jan Po*).

La esperantan tradukon faris Spencer van der Meulen (*jan Pensa*), kaj ĝin provlegis Sonja Lang (*jan Sonja*), Stephan Schneider (*jan Tepan*), kaj Robin van der Vliet (*jan Lopin*). La antaŭparolon sur paĝo 9 tradukis Sonja Lang.

La bildstriojn sur paĝo 77 faris Russ Williams. La ilustraĵojn sur paĝo 105 faris Yara Hindawi. La kaligrafiaĵojn en *sitelen sitelen* sur paĝoj 78 ĝis 84 faris Jonathan Gabel.

La kantotekston *ale li pona* sur paĝo 95 verkis Joop Kiefte (*jan Mimoku*). La rakonton *jan lawa Oliki* verkis Eŭgeno (*soweli Elepanto*) surbaze de *Песнь о вещем Олеге* verkita de Aleksandr Puŝkin. La poemon *Ho, mia kor'* sur paĝo 98 verkis L. L. Zamenhof, kaj ĝian tradukon *a, pilin mi o* verkis Spencer van der Meulen (*jan Pensa*). La poemon *kiwen walo* sur paĝo 99 verkis *jan Kapilu*, kaj la tradukon sur paĝo 100 faris Spencer van der Meulen (*jan Pensa*), Kiah Morante (*jan Kaja*) kaj Sonja Lang (*jan Sonja*).



Bazita je la germana eldono de Julius Strake (*jan Juli*) el 2021.



ISBN: 978-94-6437-609-8

# Esperanto

Tiu ĉi dosiero estas kolekto de ĉiuj paĝoj el la libro *Tokipono: La lingvo de bono* de Sonja Lang (ISBN: 978-94-6437-609-8), kiuj estas uzeblaj sub permesilo de Krea Komunaĵo. Mi publike disponebligas ilin, por ke oni povu pli facile uzi la permesilojn por krei novajn verkojn. Fine de la dosiero estas detala listo de atribuoj kaj permesiloj.

Rimarku ke paĝoj 1-8 kaj 148-149 de la libro (koresponde al paĝoj 1-8 kaj 74-75 en ĉi tiu PDF) estas nun uzeblaj per CC0 1.0, kun permeso de ĉiuj rajtohavantoj. En ĉi tiu dokumento estas ankaŭ listo de ĉiuj piednotoj en la libro, kiu estas uzebla per la permesilo CC BY 4.0.

# English

This file is a collection of all pages from *Tokipono: La lingvo de bono* by Sonja Lang (ISBN: 978-94-6437-609-8) that are available under a Creative Commons license. I make them freely available to make it easier for people to use the licenses to make new works. At the end of the document is a detailed list of credits and licenses.

Note that pages 1-8 and 148-149 of the book (corresponding to pages 1-8 and 74-75 in this PDF) are now available under CC0 1.0, with permission from all rights holders. In this document there is also a list of all footnotes from the book, which are made available under the license CC BY 4.0.

# Enhavo

# Antaŭparolo al la esperanta eldono

Meze de la jaro 2022, mi ĝojas finfine povi prezenti esperantan version de la unua oficiala libro de Tokipono, ok jarojn post la originala anglalingva eldono. Ĝi estas rezulto de delonga amikeco kaj reciproka intereso inter la anoj de Esperantujo kaj Tokiponujo.

Kvankam Tokipono ne estas esperantido, mi dirus, ke je pluraj flankoj ĝi estas preskaŭ kiel ido de Esperantujo. La lingvo estas kreita de esperantisto, kaj ŝi lasis klarajn spurojn de la lingvo internacia en sia eta kreaĵo. Krome, dum la plejmulto de ĉirkaŭ 20 jaroj da ĝisnuna historio de la lingvo, granda parto de novaj lernantoj de Tokipono estis esperantistoj, kiuj aŭdis pri la lingvo de aliaj esperantistoj. Ili multe kontribuis al la frua kresko de la lingvo. Amiko de mi iam duonŝerce rimarkis, ke Tokipono estis kvazaŭ minoritata lingvo de Esperantujo.

Post longa flegado de entuziasmaj esperantistoj, nuntempe la tokipona komunumo multe kreskas kaj maturiĝas, postlasis sian dependecon de la plej granda planlingvo, kaj iĝis kredeble la due plej uzata planlingvo en la interreto. En unu jaro la tokiponistaro kreas pli da rakontoj, poemoj, tradukoj, artaĵoj kaj muziko[1]ol ĉio, kio ekzistis en Tokipono, kiam la unua oficiala libro publikiĝis.

Kun tiu kresko de la komunumo venas ankaŭ plimaturiĝo de la lingvo mem. Ekzistas sufiĉe granda kerno da spertaj parolantoj, tiel ke nun eblas per diskutado kaj reciproka influo atingi nivelon de kompreno kaj sperto pri la lingvo, kiun neniu atingis antaŭe. Mi ofte vidas aplikojn de la lingvo, kiujn antaŭ nur kelkaj jaroj mi opiniis tute neeblaj en la limigoj de Tokipono.

[1]Ligiloj al kelkaj rekomendindaj ekzemploj de tiaj tokiponaĵoj estas troveblaj sur la oficiala retpaĝo de Tokipono: *https://tokipona.org*

Por dokumenti tiajn evoluojn Sonja Lang decidis eldoni duan oficialan libron de Tokipono en 2021, kies titolo estas *Toki Pona Dictionary* (tokipona nomo: *lipu ku*). En la komenca parto de la libro ŝi skribis:

> "Pasis sep jaroj ekde la eldono de la unua oficiala libro. Tokipono estas vivanta lingvo, do ankaŭ *Tokipono: La lingvo de bono* estu vivanta dokumento. Mi donu kelkajn klarigojn, korektojn kaj kritikojn."

En ĉi tiu eldono vi trovos ĉiujn tiujn rimarkojn de Sonja en piednotoj, markitaj per la vorto *ku* (kiu signifas "interagi kun la libro *Toki Pona Dictionary*").

Mi aldonis pli da "*ku*-a enhavo" al la libro, por ke esperantistoj ne maltrafu la plej bonajn partojn de la dua oficiala libro de Tokipono, kiu estas havebla nur en la angla. Sur paĝo 148 estas listo de la plej oftaj kaj konindaj vortoj el la vortara parto de *lipu ku*, kiuj ne estas instruitaj en ĉi tiu libro, kaj sur paĝo 99 estas unu el la du belaj originale tokiponaj poemoj, kiuj estas presitaj en la dua libro.

Mi ankaŭ verkis tokiponigon de fama zamenhofa poemo, kolektis du pliajn tekstojn verkitajn de esperantistaj tokiponistoj, kaj en kelkaj lokoj mi aldonis pli da klarigaj piednotoj, kiuj espereble estos utilaj aŭ interesaj al vi.

Mi esperas, ke ĉi tiu libro povu helpi vivteni longedaŭran amikecon inter la du planlingvaj komunumoj, al kiuj mi apartenas, kaj kiuj estas karaj al mi. Sed eĉ pli mi esperas, ke la ĉarma, eta lingvo de ĉi tiu libro povu doni ankaŭ al vi iom da amuziĝo kaj "poneco".

*o pona!*

*jan Pensa*

# Antaŭparolo

Mi komencas per la nomo de Dio.

*mi open lon nimi sewi.*

Vi tenas la libron de Tokipono!

*sina pu a!*

Kial estas Tokipono? En la pasinteco, mi volis scii la sencon de ĉio per malmultaj vortoj.

*toki pona li tan seme? tenpo pini la mi wile sona e kon ale kepeken nimi lili.*

Mi kontemplis mian animon. Mi lernis multajn lingvojn. Mi amuziĝis. Mi kreis simplan sistemon de komunikado. Ĝi bonigis miajn pensojn.

*mi lukin e kon mi. mi kama sona e toki mute. mi musi. mi pali e nasin toki lili. ona li pona e toki insa mi.*

Mi eldonis mian lingveton al la publiko en retejo en la pasinteco. Eta komunumo aperis. Ĝi amas Tokiponon.

*mi pana e toki lili mi tawa jan ale lon ilo lipu lon tenpo pini. kulupu lili li kama. ona li olin e toki pona.*

Per ĉi tiu libro, mi esperas prezenti la finan formon de Tokipono. Ĉi tiel mi uzas Tokiponon.[2]

*pu la mi wile pana e selo pini pi toki pona. nasin ni la mi kepeken toki pona.*

Sonja

*jan Sonja*

[2] *ku*: Ĉi tiu libro servas kvazaŭ momentfoto kaj referenco pri la maniero, kiel unu grava homo uzis Tokiponon en unu grava tempopunkto. Ĉi tiu bazo venas kun la invito en leciono 19. "Jen via vico nun. Amuziĝu. Kreu, ludu, kaj estu *pona*!"

# Kio estas Tokipono?

## Simpla kaj natura

Multaj modernaj lingvoj estas plenplenaj je malsimplaj manieroj por esprimi la plej simplajn aferojn. Ĉu geologo ne estas simple "homo de tera scio"? Kaj ĉu ekzistas utila diferenco inter anglaj vortoj kiel "big", "large" kaj "huge"?

Tokipono estas lingvo, kiu dispecigas malsimplajn ideojn al siaj plej bazaj elementoj. Se oni malsatas, oni "volas manĝi". Instrui estas "doni scion". Tiel oni povas ege malmultigi la vortostokon kaj gramatikajn strukturojn, kiuj necesas por diri tion, kion oni volas diri.

Simpligu viajn pensojn. Malpli estas pli.

## Koncepto

Tokipono estas semantike, leksike kaj fonetike minimumisma. La plej simplaj kaj la plej malmultaj partoj estas uzataj por atingi la plej grandan efikon. La tuta lingvo uzas nur 120 vortojn kaj 14 literojn de la alfabeto.

Ĉiu vorto estas zorge elektita por kovri larĝan kampon de signifoj. Ekzemple, *kili* signifas iun ajn frukton aŭ legomon, inkluzive de rapoj, kumkvatoj, kaj eĉ beroj de ruĝa vakcinio. *lipu* povas esti ĉia ajn dokumento, ĉu presita libro, poŝtkarto aŭ argiltabulo. *jan* povas referi al ĉia ajn persono, sendepende de tio, ĉu tiu estas islamano aŭ ateisto, nigrulo aŭ blankulo, riĉulo aŭ malriĉulo.

Je multaj flankoj Tokipono similas al piĝina lingvo. Kiam homoj el malsamaj kulturoj devas interkomuniki, ili devas atenti la elementojn, kiuj estas plej universalaj en la homa spertaro.

Tokipono prezentas vojon por semantika plisimpligo. Same kiel oni povas skribi la matematikan frakcion $4/8$ ankaŭ kiel $1/2$, oni povas rafini siajn pensojn al la plej bazaj unuoj por eltrovi la veran signifon de aferoj. Oni povas kompreni malsimplajn ideojn laŭ la malgrandaj partoj, el kiuj ili konsistas.

Ĉie en la lingvo rimarkeblas fundamenta ideo de boneco. La esprimo por amiko signifas laŭvorte “bona homo”. Feliĉo estas “bona sento”. *toki pona* mem signifas “bona lingvo” aŭ “simpla lingvo”.

Kvankam la vortostoko kaj gramatiko estas tre simplaj, la lingvo ja havas kelkajn esencajn sintaksajn regulojn por kunteni frazojn. Ekzemple, la partikulo *li* apartigas la subjekton disde la verbo.

## Limigoj

Pro tio, ke Tokipono estas tiel ĝenerala kaj malpreciza, la lingvo ofte ne kapablas distingi pli subtilajn nuancojn de signifoj. Ekzemple, oni esprimas ĉiajn speciojn de birdoj per la sama vorto *waso*, kio forigas la neceson de centoj da vortoj en la vortostoko. Tamen, pro tio oni ankaŭ ne plu kapablas distingi inter agloj kaj kokoj. La plej proksimaj tradukoj povus eble esti "forta birdo" (*waso wawa*) kaj "malsprita birdo" (*waso nasa*).[3]

Tokipono havas sufiĉe mallarĝan kampon de utiloj. Kvankam estas tre facile mediti kaj komuniki honestajn pensojn kaj ĉiutagaĵojn en Tokipono, ne eblas traduki kemian lernolibron aŭ leĝan dokumenton al la lingvo sen grandaj perdoj. Tiaj tekstoj estas produktoj de la kompleksa moderna socio, en kiu ni vivas, kaj ili ne taŭgas por ĉarma lingveto kiel Tokipono.

Kiel arta lingvo kun limigita esprimkapablo, Tokipono ne strebas esprimi ĉiujn etajn erojn kaj nuancojn de homa komunikado. Sed malgraŭ tio, la rezultoj atingeblaj per tiom malmultaj elementoj montriĝas tre interesaj, aŭ eĉ spirite komprenigaj.

Se nacia lingvo kiel la angla estas kiel dika romano, Tokipono estas kiel hajko.

[3] Noto de la tradukinto: Krom la ĉi tie menciitaj tradukoj, *Toki Pona Dictionary* proponas ankaŭ *waso alasa* ("ĉasanta birdo") por aglo, kaj *waso moku* ("manĝaĵa birdo") kaj *waso pi pana sike* ("glob-dona (ov-dona) birdo") por koko.

## Avantaĝoj

Se oni ekzercas sian menson per pensado en Tokipono, tio povas doni pli profundajn komprenojn. Se multaj problemoj en la vivo fontas el nia troa pensado, Tokipono povas forfiltri la bruon kaj montri al la kerno de aferoj. Multajn el ĉi tiuj principoj inspiris la Daŭdeĝingo, kiu instruas "Ĉu vi kapablas inklinigi vian menson ĉesi vagadi kaj sekvi la originalan Unuecon?"

Ekzemple, kio estas "malbona amiko"? La tokipona esprimo por amiko estas *jan pona*, laŭvorte "bona homo". Oni rapide konscias, ke malbona amiko estas memkontraŭdiro. Aliekzemple, la vorto *wile* signifas kaj "bezoni" kaj "voli". Tio helpas al oni kongruigi siajn dezirojn kun siaj efektivaj bezonoj.

Tokipono estas tre dependa de kunteksto. Laŭ la vidpunkto de pasaĝero, aŭto povus esti *tomo tawa* (moviĝanta ĉambro). La stiranto eble vidus ĝin kiel *ilo tawa* (moviĝilo). Se vi transiras la straton kaj – bum! – aŭto trafas vin, ĝi povus esti *kiwen tawa* (moviĝanta malmolaĵo).

Parolantoj kaj aŭskultantoj komprenas la signifon de vorto per ĝia kunteksto. Tokipono instigas al plenatenteco. Iĝu tute konscia pri la nuna momento.

# Leciono 1: Literoj kaj sonoj

Tokipono uzas nur 14 literojn de la alfabeto.

*a e i j k l m n o p s t u w*

## Vokaloj

Estas kvin vokaloj, kiujn oni elparolas same kiel en Esperanto.

| skribmaniero | fonetika simbolo (por lingvistoj) |
|---|---|
| *a* | [ä] |
| *e* | [e̞] |
| *i* | [i] |
| *o* | [o̞] |
| *u* | [u] |

## Konsonantoj

Tokipono havas naŭ konsonantojn. La literoj *p t k m n s l j* sonas same kiel en Esperanto. La tokipona litero *w* sonas kiel *ŭ*, sed malkiel en Esperanto ĝi aperas nur je la komenco de silabo.

Tokipono estas pardonema lingvo. Pro tio, ke ĝi havas nur malmultajn sonojn, la lango povas esti pli libera. Ekzemple, se iu dirus *dogi* anstataŭ *toki*, la elparolo daŭre estus akceptebla.

Oni ĉiam akcentas la unuan silabon de la vorto. Elparolu tiun silabon iomete pli laŭte, pli longe, aŭ per iomete pli alta tono. Atentu pri tio, ke la akcento estas malsama ol en Esperanto, se vorto havas pli ol du silaboj. Ekzemple, oni elparolas la vorton *kalama* kiel "KA-la-ma", kaj ne kiel "ka-LA-ma".

Oni skribas tokiponajn vortojn per minuskloj (malgrandaj formoj de literoj), eĉ je la komenco de frazo.

## Ekzercoj

Voĉlegu ĉi tiujn vortojn. Se vi parolas la anglan, eble vi povas diveni, de kiuj anglaj vortoj ili devenas.

1. *jelo*
2. *jaki*
3. *ken*
4. *mun*
5. *mani*
6. *wan*

Voĉlegu ankaŭ la sekvajn vortojn. De kiuj esperantaj vortoj ili devenas?

*a. tenpo*
*b. ijo*
*c. suno*
*ĉ. tomo*
*d. selo*
*e. pona*

La solvoj troveblas sur paĝo 69.

# Leciono 2: Vortoj kaj frazoj

## Vortoj

SUBSTANTIVOJ [4]

| | |
|---|---|
| *ijo* | io, objekto, afero, estaĵo |
| *jan* | persono, homo |
| *kili* | frukto, legomo |
| *lipu* | dokumento |
| *meli* | virino, ino |
| *ni* | ĉi tio, tio |
| *soweli* | besto, surtera mamulo |

## Gramatiko

Substantivo estas vorto por persono, loko, objekto aŭ afero. En Esperanto substantivoj havas la finaĵon "-o".

En Tokipono oni povas fari simplan frazon per tiu ĉi modelo:

SUBSTANTIVO + *li* + SUBSTANTIVO.
*ijo li ijo.*
Io estas io.

[4] *ku*: La libro instruas vortojn per vortospecoj kaj ekzemplaj tradukoj, kiuj estas facile rekoneblaj por lernantoj, kiuj parolas Esperanton, ekz. substantivoj, adjektivoj, verboj. Pli profunda analizo de Tokipono malkovras, ke modelo kun enhavovortoj kaj partikuloj (inter aliaj) povus esti pli taŭga aŭ ekzakta. Por unu tia ekzemplo (anglalingva), serĉu "Toki Pona Analysis: Parts of Speech" de u/pisceyo (kala kala) en Reddit.

Memstara substantivo ne estas singulara aŭ plurala. La vorto *meli* povas signifi kaj "virino" kaj "virinoj".

Tokipono ne uzas artikolojn kiel la esperanta vorto "la". La vorto *jan* povas signifi kaj "persono" kaj "la persono", depende de la situacio.

## Ekzemploj

1. *ni li jan.*
   Tio estas persono.
2. *ni li kili.*
   Jen banano.
3. *lipu li ijo.*
   Libro estas objekto.
4. *jan li meli.*
   La persono estas virino.
5. *soweli li ijo.*
   Bestoj estas estaĵoj.
6. *meli li jan.*
   Virinoj estas homoj.

## Traduku

1. Io estas io.
2. Tio estas libro.

3. La virino estas persono.
4. Homoj estas estaĵoj.
5. La urso estas ino.
6. Fragoj estas objektoj.
7. Jen peco da papero.

La solvoj troveblas sur paĝo 69.

# Leciono 3: Substantivoj kaj adjektivoj

## Vortoj

SUBSTANTIVOJ

| | |
|---|---|
| *telo* | akvo, likvo |
| *tomo* | domo, konstruaĵo, ĉambro |

ADJEKTIVOJ

| | |
|---|---|
| *lili* | malgranda |
| *pona* | bona, simpla, amika, afabla |
| *suli* | granda |

## Gramatiko

Adjektivo estas vorto, kiu priskribas substantivon. En Esperanto adjektivoj havas la finaĵon "-a". Ĉi tio povas esti kompleta frazo:

> SUBSTANTIVO + *li* + ADJEKTIVO.
> *ijo li pona.*
> Io estas bona.

Oni povas ankaŭ aldoni adjektivon post substantivo por priskribi ĝin. En Tokipono la substantivo estu unua: ĝi estas tio, pri kio ni parolas. La adjektivo estu dua: ĝi donas pli specifajn informojn pri la substantivo.

SUBSTANTIVO + ADJEKTIVO

| | |
|---|---|
| *tomo suli*<br>"granda domo"<br>palaco | *jan pona*<br>"bona homo"<br>amiko |
| *meli lili*<br>"malgranda virino"<br>knabino | *telo suli*<br>"granda akvo"<br>maro |

Atentu pri tio, ke ne estas libera vortordo, kaj ke la sinsekvo de adjektivoj estas inversa kompare kun la plej ofta sinsekvo en Esperanto. Ofte okazas, ke eblas traduki du tokiponajn vortojn per nur unu vorto en Esperanto.

Oni povas ankaŭ uzi duan substantivon, kiu rolas kiel adjektivo. Tio estas simila al ŝanĝi la finaĵon "-o" al "-a" en Esperanto, aŭ uzi la vorton "de".

SUBSTANTIVO + SUBSTANTIVO

| | |
|---|---|
| *lipu soweli*<br>"besta libro" | *tomo meli*<br>"domo de virino" |

## Ekzemploj

1. *telo li pona.*
   Akvo bonas.
2. *telo kili li suli.*
   La suko ("frukta likvo") estas granda
3. *meli li lili.*
   La virino estas malgranda.
4. *soweli lili li pona.*
   La malgranda besto estas afabla.
5. *jan ni li suli.*
   Tiu persono estas alta.

## Traduku

1. La ina besto estas afabla.
2. Tio estas amiko.
3. La banĉambro ("akva ĉambro") estas malgranda.
4. Jen katido ("malgranda besto").
5. La bebo ("malgranda homo") estas ina.
6. La grandaj libroj bonas.
7. La frukto estas akvomelono.

La solvoj troveblas sur paĝo 69.

## Kanto: *ale li pona*

Jen originala kantoteksto laŭ la melodio de *La Espero*, verkita de Joop Kiefte (*jan Mimoku*) el Nederlando:

*tenpo pini la, mi kama sona.*
*tenpo ni la, mi ken sona pona.*
*jan li toki la, mi toki lili.*
*ni li tan ni: toki mi li pona.*

> Antaŭe mi lernis.
> Nun mi kapablas bone kompreni.
> Se homoj parolas, mi respondas malmulte.
> Tio estas ĉar mia komunikado estas bona/simpla.

*jan li toki mute la, mi tawa.*
*toki mi o kama ante mute.*
*toki mi li nasin toki pona.*
*nasin mi li ni: ale li pona!*

> Se homoj multe parolas, mi iras.
> Mia komunikado ŝanĝiĝu multe.
> Mia parolado estas bona komunikmaniero.
> Jen mia maniero: ĉio bonas!

# Rakonto: *jan lawa Oliki*

Ĉirkaŭ la jaro 900, Olego la Saĝa posedis grandan regnon en orienta parto de la slavaj landoj. Ekzistas legendo pri lia morto, pri kiu la rusa poeto Aleksandr Puŝkin baladis en la 19-a jarcento. Rusa esperantisto kaj tokiponisto Eŭgeno (*soweli Elepanto*) verkis tokiponan rerakonton de la legendo.

*jan lawa ma Oliki li kama tawa utala li tawa kepeken soweli tawa. tenpo wan la ona li kama lukin e jan pi sona mute li toki e ni: "jan sona o toki e ni tawa mi: tenpo kama la mi pilin pona ala pona? mi kama moli tan seme?"*

*jan sona li toki e ni: "jan lawa o! sina kama suli li kama wawa. sina anpa e jan ike sina ale. sina lawa e ma e telo. jan ala li ken anpa e sina. taso sina kama moli tan soweli tawa sina ni."*

*soweli ni li pona tawa jan lawa Oliki. jan Oliki li pilin ike tan sona sin ni. taso ona li toki e ni tawa jan utala ona: "jan mi o pana e soweli tawa ante tawa mi. o weka e soweli ni tan poka mi. mi wile ala tawa kepeken ona. mi wile ala lukin e ona. taso mi wile e ni: ona li pilin pona."*

*utala li pini. tenpo sike mute li pini la jan Oliki en jan utala mute ona li moku li toki. jan Oliki li toki e ni: "soweli tawa mi li pilin pona ala pona?" taso ona li kama sona e ni: tenpo pini suli la soweli ni li kama moli...*

*ni li nasa mute tawa jan lawa. ona li toki e ni: "soweli mi li moli. taso mi awen lon. pakala! jan sona ni li ike li nasa! mi wile lukin e soweli moli!"*

*jan Oliki li tawa li lukin e soweli moli. ona li kama lon soweli ona la... a! akesi linja li lon soweli moli! ona li moku lili e jan lawa li pana e telo moli. jan lawa Oliki li kama moli tan ni a.*

La landestro Olego venis al milito kaj vojaĝis per ĉevalo. Unu fojon li renkontis tre multescian homon kaj diris: “Saĝulo, diru al mi ĉi tion: Ĉu estontece mi fartos bone? Kiel mi mortos?”

La saĝulo diris: “Ho reganto! Vi iĝos grandioza kaj potenca. Vi venkos ĉiujn viajn malamikojn. Vi regos la teron kaj la maron. Neniu povos venki vin. Sed vi mortos pro ĉi tiu ĉevalo de vi.”

Reganto Olego ŝatis tiun ĉevalon, kaj li estis malfeliĉa pro tiu novaĵo. Sed li diris jene al siaj soldatoj: “Miaj homoj, donu al mi alian rajdobeston. Forigu la ĉevalon de mia apudo. Mi ne volas vojaĝi per ĝi, kaj mi ne volas vidi ĝin. Sed mi volas, ke ĝi fartu bone.”

La milito finiĝis. Kiam multaj jaroj pasis, Olego kaj liaj multaj soldatoj kune manĝis kaj parolis. Olego demandis “ĉu mia ĉevalo fartas bone?” Sed li lernis, ke tiu ĉevalo mortis antaŭ multe da tempo...

Tio estis tre stranga afero al la reganto. Li diris “Mia ĉevalo mortis, sed mi ankoraŭ vivas. Diable! Tiu saĝulo estas aĉa kaj stulta! Mi volas vidi la mortintan beston!”

Olego vojaĝis, kaj ekvidis la malvivan beston. Kiam li alvenis ĉe sia ĉevalo... ha! Estis serpento ĉe la malviva ĉevalo! Ĝi mordis la reganton kaj ellasis venenon. Reganto Olego mortis ja pro tio.

# Poemo: *a, pilin mi o* (Ho, mia kor')

Mallonge antaŭ ol publikigi Esperanton en 1887, L. L. Zamenhof verkis ĉi tiun poemon:

> *Ho, mia kor', ne batu maltrankvile,*
> *El mia brusto nun ne saltu for!*
> *Jam teni min ne povas mi facile,*
> *Ho, mia kor'!*
>
> *Ho, mia kor'! Post longa laborado*
> *Ĉu mi ne venkos en decida hor'?*
> *Sufiĉe! trankviliĝu de l' batado,*
> *Ho, mia kor'!*

Jen tokipona versio de la sama poemo, kun laŭvorta traduko reen al Esperanto. La signifo estas iom ŝanĝita, por ke ĝi povu funkcii kiel memstara tokipona poemo.

| | |
|---|---|
| *a, pilin mi o tawa wawa ala,* | Ho, mia koro, ne moviĝu vigle, |
| *o awen insa a lon sijelo!* | restu ja ene, en la korpo! |
| *tan ni la lawa mi li lawa ala,* | Pro tio mia kapo ne regas, |
| *a, pilin o!* | ho, koro! |
| | |
| *a, pilin mi o! pali suli ni li* | Ho, mia koro! Ĉu tiu ĉi longa laborado |
| *ken ala ken e ni: mi kama jo* | ebligos, ke mi ekhavos |
| *e wile suli mi? o tawa lili,* | mian deziregon? Moviĝu malmulte, |
| *a, pilin o!* | ho, koro! |

# Mansigna Tokipono

Mansigna Tokipono (*toki pona luka*) estas silenta versio de Tokipono, kiu uzas mansignojn.[24] Tio povas esti utila, ekzemple:

- en silenta librejo aŭ preĝejo,
- dum sekretaj ninĵaj misioj,
- dum subakva serĉado de trezoroj, aŭ
- por mokinsulti rivalajn loĵbanistojn per bandaj mansignoj.

Ĉiu vorto kaj litero havas sian propran signon. Por fari frazon, faru ĉiun signon, unu post la alia, uzante la saman gramatikon kaj vortordon, kiujn vi jam konas.

## Elementoj de la signoj

Ĉiu signo estas priskribebla per kvar elementoj:

1. formo de la mano
2. loko sur la korpo
3. orientiĝo de la manplato
4. ĉu unumane aŭ ambaŭmane

[24] *ku*: Mansigna Tokipono (*toki pona luka*) estas proponita kiel amuzaĵo por batali kun loĵbanistoj. Ekde tiam ekestis nova kaj tre *pona* projekto, Lukapono (*luka pona*), kiun *jan Olipija* inventis kiel naturalisman signolingvon uzeblan apud Tokipono. Mi rekomendas lerni Lukaponon.

## Manformoj

Oni uzas naŭ bazajn manformojn en mansigna Tokipono. Ĉi tiuj priskribas la dekstran manon.



plata mano



dikfingra pugno



kurba mano



O-mano



1-mano



2-mano



skuata mano (fingroj moviĝas)



L-mano



F-mano

## Lokoj sur la korpo

Ĉe ĉiu signo, la dekstra mano estu en specifa loko.

1. antaŭ la brusto
2. apud la frunto
3. apud la mentono
4. ĉe la maldekstra ŝultro
5. ĉe la maldekstra kubuto
6. sur la maldekstra pugno
7. sur la ventro
8. sub maldekstra oblikva antaŭbrako (vidu la ekzemplon sur paĝo 108)



## Direktoj

La plejmulto de la signoj estas priskribitaj per la direkto, en kiu la manplato de la dekstra mano indiku. Kelkaj signoj estas priskribitaj per la direkto, en kiu specifa fingro indiku.

1. maldekstren
2. supren
3. malsupren
4. antaŭen
5. malantaŭen

## Unu mano aŭ ambaŭ manoj

Normale, por fari mansignon oni uzu la dekstran manon en la ĝusta formo, en la ĝusta loko, kaj kun la ĝusta orientiĝo de la manplato, kiel priskribite.

Se mansigno havas la indikon “ambaŭ manoj”, metu la dekstran manon laŭ la priskribo, kaj poste spegule kopiu la signon per la maldekstra mano.

## Ekzemploj



*kasi*
F-mano sur maldekstra pugno, manplato malsupren



*o (litero)*
O-mano sub maldekstra oblikva antaŭbrako, manplato malsupren



*la*
kurba mano antaŭ brusto, manplato maldekstren



*tomo*
kurba mano antaŭ brusto, manplato maldekstren (ambaŭ manoj)



*suli*

2-mano apud frunto,
manplato antaŭen

# Priskriboj de signoj

| | |
|---|---|
| *a* | plata mano apud mentono, manplato maldekstren |
| *akesi* | 2-mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *ala* | plata mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malsupren |
| *alasa* | 1-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malantaŭen |
| *ale* | skuata mano antaŭ brusto, manplato antaŭen (ambaŭ manoj) |
| *anpa* | kurba mano antaŭ brusto, manplato malsupren |
| *ante* | kurba mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *anu* | L-mano antaŭ brusto, manplato malsupren |
| *awen* | L-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malantaŭen |
| *e* | plata mano antaŭ brusto, manplato malsupren |
| *en* | L-mano sur maldekstra pugno, manplato malsupren |
| *esun* | kurba mano antaŭ brusto, manplato supren (ambaŭ manoj) |
| *ijo* | dikfingra pugno antaŭ brusto, manplato malsupren, dikfingro maldekstren |
| *ike* | dikfingra pugno antaŭ brusto, manplato antaŭen |
| *ilo* | dikfingra pugno sur maldekstra pugno, manplato supren |
| *insa* | L-mano sur ventro, manplato malantaŭen |
| *jaki* | dikfingra pugno apud mentono, manplato antaŭen |
| *jan* | 2-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malantaŭen |
| *jelo* | F-mano sur ventro, manplato malsupren |
| *jo* | kurba mano sur maldekstra pugno, manplato supren |
| *kala* | plata mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *kalama* | skuata mano apud mentono, manplato maldekstren |

| | |
|---|---|
| *kama* | kurba mano antaŭ brusto, manplato malantaŭen |
| *kasi* | dikfingra pugno ĉe maldekstra ŝultro, manplato malantaŭen |
| *ken* | L-mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *kepeken* | L-mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *kili* | dikfingra pugno apud mentono, manplato maldekstren |
| *kiwen* | dikfingra pugno sur maldekstra pugno, manplato malsupren |
| *ko* | kurba mano sur ventro, manplato malsupren |
| *kon* | skuata mano antaŭ brusto, manplato maldekstren |
| *kule* | F-mano antaŭ brusto, manplato maldekstren |
| *kulupu* | 2-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malsupren |
| *kute* | dikfingra pugno apud frunto, manplato maldekstren |
| *la* | kurba mano antaŭ brusto, manplato maldekstren |
| *lape* | plata mano apud frunto, manplato maldekstren |
| *laso* | F-mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malsupren |
| *lawa* | plata mano apud frunto, manplato antaŭen |
| *len* | kurba mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malantaŭen |
| *lete* | skuata mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malsupren |
| *li* | plata mano antaŭ brusto, manplato maldekstren |
| *lili* | 2-mano apud mentono, manplato antaŭen |
| *linja* | 1-mano apud frunto, manplato maldekstren |
| *lipu* | plata mano sur maldekstra pugno, manplato supren |
| *loje* | F-mano apud mentono, manplato maldekstren |
| *lon* | 1-mano sur maldekstra pugno, manplato malsupren |
| *luka* | plata mano antaŭ brusto, manplato antaŭen |
| *lukin* | 2-mano antaŭ brusto, manplato malsupren |
| *lupa* | O-mano antaŭ brusto, manplato maldekstren |

| | |
|---|---|
| *ma* | plata mano antaŭ brusto, manplato malsupren (ambaŭ manoj) |
| *mama* | 2-mano sur ventro, manplato malsupren |
| *mani* | dikfingra pugno ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *meli* | 2-mano sur ventro, manplato malantaŭen |
| *mi* | dikfingra pugno antaŭ brusto, manplato malsupren, dikfingro malantaŭen |
| *mije* | 2-mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *moku* | O-mano apud mentono, manplato malantaŭen |
| *moli* | L-mano apud frunto, manplato malantaŭen |
| *monsi* | L-mano antaŭ brusto, manplato antaŭen |
| *mu* | skuata mano apud mentono, manplato malsupren |
| *mun* | O-mano apud frunto, manplato maldekstren |
| *musi* | skuata mano apud frunto, manplato maldekstren |
| *mute* | plata mano antaŭ brusto, manplato antaŭen (ambaŭ manoj) |
| *nanpa* | 2-mano antaŭ brusto, manplato malantaŭen |
| *nasa* | dikfingra pugno apud frunto, manplato antaŭen |
| *nasin* | plata mano antaŭ brusto, manplato maldekstren (ambaŭ manoj) |
| *nena* | kurba mano sur maldekstra pugno, manplato malsupren |
| *ni* | L-mano apud mentono, manplato malantaŭen |
| *nimi* | nenio sub maldekstra oblikva antaŭbrako |
| *noka* | plata mano antaŭ brusto, manplato malantaŭen |
| *o* | skuata mano antaŭ brusto, manplato malsupren |
| *olin* | skuata mano sur ventro, manplato malantaŭen |
| *ona* | 1-mano antaŭ brusto, montrofingro maldekstren |
| *open* | O-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malsupren |

| | |
|---|---|
| *pakala* | dikfingra pugno sur maldekstra pugno, manplato antaŭen |
| *pali* | dikfingra pugno sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *palisa* | O-mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *pan* | F-mano apud mentono, manplato malantaŭen |
| *pana* | skuata mano antaŭ brusto, manplato supren |
| *pi* | O-mano antaŭ brusto, manplato antaŭen |
| *pilin* | F-mano sur ventro, manplato malantaŭen |
| *pimeja* | F-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malsupren |
| *pini* | O-mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato supren |
| *pipi* | 1-mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *poka* | L-mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *poki* | O-mano antaŭ brusto, manplato malsupren |
| *pona* | dikfingra pugno antaŭ brusto, manplato maldekstren, dikfingro supren |
| *pu* | skuata mano sur maldekstra pugno, manplato supren |
| *sama* | dikfingra pugno antaŭ brusto, manplato malsupren (ambaŭ manoj) |
| *seli* | skuata mano ĉe maldekstra ŝultro, manplato malsupren |
| *selo* | F-mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *seme* | plata mano antaŭ brusto, manplato supren |
| *sewi* | 1-mano antaŭ brusto, manplato maldekstren, montrofingro supren |
| *sijelo* | plata mano sur ventro, manplato malantaŭen |
| *sike* | O-mano sur maldekstra pugno, manplato malsupren |
| *sin* | skuata mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *sina* | 1-mano antaŭ brusto, montrofingro antaŭen |
| *sinpin* | L-mano antaŭ brusto, manplato malantaŭen (ambaŭ manoj) |

| | |
|---|---|
| *sitelen* | F-mano antaŭ brusto, manplato maldekstren (ambaŭ manoj) |
| *sona* | kurba mano apud frunto, manplato maldekstren |
| *soweli* | plata mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malsupren |
| *suli* | 2-mano apud frunto, manplato antaŭen |
| *suno* | kurba mano apud frunto, manplato antaŭen |
| *supa* | plata mano antaŭ brusto, manplato supren (ambaŭ manoj) |
| *suwi* | 2-mano apud mentono, manplato maldekstren |
| *tan* | kurba mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malantaŭen |
| *taso* | L-mano antaŭ brusto, manplato malsupren (ambaŭ manoj) |
| *tawa* | kurba mano antaŭ brusto, manplato antaŭen |
| *telo* | skuata mano antaŭ brusto, manplato malsupren (ambaŭ manoj) |
| *tenpo* | F-mano sur maldekstra pugno, manplato maldekstren |
| *toki* | kurba mano apud mentono, manplato maldekstren |
| *tomo* | kurba mano antaŭ brusto, manplato maldekstren (ambaŭ manoj) |
| *tu* | 2-mano antaŭ brusto, manplato antaŭen |
| *unpa* | 2-mano sur maldekstra pugno, manplato malsupren |
| *uta* | 1-mano apud mentono, manplato malantaŭen |
| *utala* | dikfingra pugno ĉe maldekstra ŝultro, manplato antaŭen |
| *walo* | F-mano apud frunto, manplato malsupren |
| *wan* | 1-mano antaŭ brusto, manplato antaŭen, montrofingro supren |
| *waso* | O-mano apud mentono, manplato antaŭen |
| *wawa* | dikfingra pugno sur ventro, manplato malantaŭen |

| | |
|---|---|
| *weka* | O-mano ĉe maldekstra kubuto, manplato malsupren |
| *wile* | O-mano sur ventro, manplato supren |

## Alfabeto

Por literumi propran nomon, uzu ĉi tiujn literojn. Oni faru ĉiun literan mansignon sub maldekstra oblikva antaŭbrako.

| | |
|---|---|
| *a* | dikfingra pugno, manplato malantaŭen |
| *e* | plata mano, manplato malantaŭen |
| *i* kaj *j* | 1-mano, manplato malsupren |
| *k* | kurba mano, manplato malsupren |
| *l* | L-mano, manplato malantaŭen |
| *m* | skuata mano, manplato malantaŭen |
| *n* | skuata mano, manplato malsupren |
| *o* | O-mano, manplato malsupren |
| *p* | F-mano, manplato malsupren |
| *s* | dikfingra pugno, manplato malsupren |
| *t* | plata mano, manplato malsupren |
| *u* kaj *w* | 2-mano, manplato malantaŭen |

# Hieroglifoj

La literoj de la latina alfabeto (prezentitaj en Leciono 1) estas la plej ofta kaj oportuna maniero por skribi Tokiponon. Ekzistas ankaŭ la ornama skribsistemo *sitelen sitelen*, farita de Jonathan Gabel. (Ekzemploj troveblas sur paĝo 78.)

En ĉi tiu sekcio mi prezentos simplan hieroglifan sistemon, kiu nomiĝas *sitelen pona*. Oni skribas ĉiun tokiponan vorton per unika logogramo aŭ simbolo.

| | | | |
|---|---|---|---|
| *a* | *akesi*[25] | *ala* | *alasa* |
| *ale* | *anpa* | *ante* | *anu* |
| *awen* | *e* | *en* | *esun* |

[25]Noto de la aŭtorino: Kvarpiede estas pli ĉarme:





*ijo*



*ike*



*ilo*



*insa*



*jaki*[26]



*jan*



*jelo*



*jo*



*kala*



*kalama*



*kama*



*kasi*



*ken*



*kepeken*



*kili*



*kiwen*



*ko*



*kon*



*kule*



*kulupu*

[26]Noto de la tradukinto: Pli-malpli iu ajn sufiĉe ĥaosa skribaĉo povas esti uzata por skribi *jaki*. Jen kelkaj skribitaj de mi:




*kute*


*la*


*lape*


*laso*


*lawa*


*len*


*lete*


*li*


*lili*


*linja*


*lipu*


*loje*


*lon*


*luka*


*lukin*


*lupa*


*ma*


*mama*


*mani*


*meli*



*mi*



*mije*



*moku*



*moli*



*monsi*



*mu*



*mun*



*musi*



*mute*



*nanpa*



*nasa*



*nasin*



*nena*



*ni*



*nimi*



*noka*



*o*



*olin*



*ona*



*open*



*pakala*



*pali*



*palisa*



*pan*



*pana*



*pi*



*pilin*



*pimeja*



*pini*



*pipi*



*poka*



*poki*



*pona*



*pu*



*sama*



*seli*



*selo*



*seme*



*sewi*[27]



*sijelo*

---

[27] *ku*: Ekzistas ankaŭ alternativa sekulara formo de la signo de *sewi*:



Ĝi kongruas kun la aliaj lokvortoj, kiel *anpa*.


*sike*


*sin*


*sina*


*sinpin*


*sitelen*


*sona*


*soweli*


*suli*


*suno*


*supa*


*suwi*


*tan*


*taso*


*tawa*


*telo*


*tenpo*


*toki*


*tomo*


*tu*


*unpa*



*uta*



*utala*



*walo*



*wan*



*waso*



*wawa*



*weka*



*wile*

## Kunigitaj signoj

Se estas nur unu adjektivo, oni povas skribi ĝin en aŭ super la vorto, kiun ĝi modifas.



*pilin ike*



*telo lete*



*kala lili*



*toki pona*

## Propraj nomoj

Oni skribas proprajn nomojn en kartuŝo. En ĉi tiu ovala formo, ĉiu signo reprezentas nur la unuan literon de sia vorto.

Kiam vi skribas proprajn nomojn, vi rajtas laŭplaĉe elekti ajnan signon, kiu ŝajnas taŭga al vi. Ekzemple, se vi havas la literon *w* en via nomo, vi povus uzi *waso* se vi ŝatas birdojn, aŭ *wawa* se via forteco estas grava al vi.

Ĉi tiu frazo montras unu manieron por skribi "Kanado":



*ma Kanata li suli*
Kanado estas granda.

*ku*: La komunumo kreis *sitelen-pona*-signojn por multaj ne-puaj vortoj. Ekzemploj de du elstaraj tiparaj projektoj estas *linja sike* de *lipamanka* kaj *linja suwi* de *jan Ana*.

(Kelkaj el la plej oftaj ne-puaj signoj estas sur paĝo 149)

# Loknomoj

Ĉi tiuj proponoj ĝenerale estas bazitaj je la prononcoj de la vortoj en la loka lingvo.[28]

## Kontinentoj

Oni povas ankaŭ uzi la esprimon *ma suli* por referi al kontinento.

| | |
|---|---|
| *ma Amelika* | Ameriko |
| *ma Antasika* | Antarkto |
| *ma Apika* | Afriko |
| *ma Asija* | Azio |
| *ma Elopa* | Eŭropo |
| *ma Osejanija* | Oceanio |

## Afriko

| | |
|---|---|
| *ma Ankola* | Angolo |
| *ma Eliteja* | Eritreo |
| *ma Isijopija* | Etiopio |
| *ma Kamelun* | Kameruno |

[28]*ku*: Ĉi tiuj tokiponigoj estis proponitaj kiel sugestoj, kaj ili daŭre estas utilaj, se oni ne trovas pli uzindan alternativon. Se la parolantoj en la tokipona komunumo, kaj aparte tiuj kun rilato al la koncerna loko aŭ lingvo, konsentas inter si pri preferata tokipona nomo, bonvolu uzi tiun formon. En Tokipono oni preferas uzi endonimojn. Oni ankaŭ preferas reuzi la saman vorton por la lando, la lingvo kaj la gento. Rigardu ĉe *nimi.tokipona.org*

| | |
|---|---|
| *ma Kana* | Ganao |
| *ma Kanpija* | Gambio |
| *ma Kapon* | Gabono |
| *ma Kenja* | Kenjo |
| *ma Kine* | Gvineo |
| *ma Kinejekatolija* | Ekvatora Gvineo |
| *ma Kinepisa* | Gvineo-Bisaŭo |
| *ma Komo* | Komoroj |
| *ma Konko* | Kongo |
| *ma Kosiwa* | Ebur-Bordo |
| *ma Lapewija* | Liberio |
| *ma Lesoto* | Lesoto |
| *ma Lipija* | Libio |
| *ma Luwanta* | Ruando |
| *ma Malakasi* | Madagaskaro |
| *ma Malawi* | Malavio |
| *ma Mali* | Malio |
| *ma Malipe* | Maroko |
| *ma Masu* | Egiptio |
| *ma Mosanpi* | Mozambiko |
| *ma Mowisi* | Maŭricio |
| *ma Mulitanija* | Maŭritanio |
| *ma Namipija* | Namibio |
| *ma Naselija* | Niĝerio |
| *ma Nise* | Niĝero |
| *ma Penen* | Benino |
| *ma Posuwana* | Bocvano |
| *ma Pukinapaso* | Burkino |
| *ma Sanpija* | Zambio |
| *ma Santapiken* | Centr-Afriko |

| | |
|---|---|
| *ma Sasali* | Alĝerio |
| *ma Sate* | Ĉado |
| *ma Sawasi* | Svazilando |
| *ma Seneka* | Senegalo |
| *ma Setapika* | Sud-Afriko |
| *ma Sijelalijon* | Sieraleono |
| *ma Sinpapuwe* | Zimbabvo |
| *ma Sipusi* | Ĝibutio |
| *ma Somalija* | Somalio |
| *ma Sutan* | Sudano |
| *ma Tansanija* | Tanzanio |
| *ma Toko* | Togolando |
| *ma Tunisi* | Tunizio |
| *ma Ukanta* | Ugando |

## Ameriko

| | |
|---|---|
| *ma Alensina* | Argentino |
| *ma Awisi* | Haitio |
| *ma Ekato* | Ekvadoro |
| *ma Kalalinuna* | Gronlando |
| *ma Kanata* | Kanado |
| *ma Katemala* | Gvatemalo |
| *ma Kenata* | Grenado |
| *ma Kosalika* | Kostariko |
| *ma Kupa* | Kubo |
| *ma Mesiko* | Meksiko |
| *ma Mewika* | Usono |
| *ma Ontula* | Honduro |

| | |
|---|---|
| *ma Palakawi* | Paragvajo |
| *ma Panama* | Panamo |
| *ma Papeto* | Barbado |
| *ma Pasila* | Brazilo |
| *ma Pawama* | Bahamoj |
| *ma Pelu* | Peruo |
| *ma Pemuta* | Bermudo |
| *ma Penesuwela* | Venezuelo |
| *ma Sameka* | Jamajko |
| *ma Sile* | Ĉilio |
| *ma Sinita* | Trinidado kaj Tobago |
| *ma Tominika* | Domingo |
| *ma Ulakawi* | Urugvajo |

## Azio

| | |
|---|---|
| *ma Aja* | Armenio |
| *ma Akanisan* | Afganio |
| *ma Anku* | Sud-Koreio |
| *ma Ilakija* | Irako |
| *ma Ilan* | Irano |
| *ma Intonesija* | Indonezio |
| *ma Isale* | Israelo |
| *ma Jamanija* | Jemeno |
| *ma Kanpusi* | Kamboĝo |
| *ma Katelo* | Kartvelio |
| *ma Kuli* | Kurdio |
| *ma Kusala* | Guĝaratio |
| *ma Kuwasi* | Kuvajto |

| | |
|---|---|
| *ma Lanka* | Srilanko |
| *ma Losi* | Rusio |
| *ma Lunpan* | Libano |
| *ma Malasija* | Malajzio |
| *ma Masu* | Egiptio |
| *ma Mijama* | Birmo |
| *ma Nijon* | Japanio |
| *ma Pakisan* | Pakistano |
| *ma Palani* | Barejno |
| *ma Palata* | Barato |
| *ma Panla* | Bangladeŝo |
| *ma Pilipina* | Filipinoj |
| *ma Pilisin* | Palestino |
| *ma Po* | Tibeto |
| *ma Sawusi* | Sauda Arabio [29] |
| *ma Sonko* | Ĉinio |
| *ma Sulija* | Sirio |
| *ma Tawi* | Tajlando |
| *ma Tuki* | Turkio |
| *ma Uman* | Omano |
| *ma Utun* | Jordanio |
| *ma Wije* | Vjetnamio |

## Eŭropo

| | |
|---|---|
| *ma Alan* | Irlando |
| *ma Antola* | Andoro |

[29] *ku*: Ĉu la ekzemplo *ma Sawusi* estas eraro, aŭ indiko, ke tokipona fonotakso estas malpli strikta, kiam oni tokiponigas alilingvajn vortojn?

| | |
|---|---|
| *ma Elena* | Grekio |
| *ma Epanja* | Hispanio |
| *ma Esalasi* | Aŭstrio |
| *ma Esi* | Estonio |
| *ma Esuka* | Eŭskio |
| *ma Inli* | Anglio |
| *ma Isilan* | Islando |
| *ma Italija* | Italio |
| *ma Juke* | Britio |
| *ma Kalalinuna* | Gronlando |
| *ma Kanse* | Francio |
| *ma Katala* | Katalunaj landoj |
| *ma Katelo* | Kartvelio |
| *ma Kinla* | Kimrio |
| *ma Kiposi* | Kipro |
| *ma Lawi* | Latvio |
| *ma Lijatuwa* | Litovio |
| *ma Lisensan* | Liĥtenŝtejno |
| *ma Lomani* | Rumanio |
| *ma Losi* | Rusio |
| *ma Lowasi* | Kroatio |
| *ma Lowenki* | Slovakio |
| *ma Lowensina* | Slovenio |
| *ma Lusepu* | Luksemburgo |
| *ma Maketonija* | Makedonio |
| *ma Mosijo* | Hungario |
| *ma Motowa* | Moldavio |
| *ma Netelan* | Nederlando |
| *ma Nosiki* | Norvegio |
| *ma Pelalusi* | Belorusio |

| | |
|---|---|
| *ma Pesije* | Belgio |
| *ma Peson* | Bretonio |
| *ma Pokasi* | Bulgario |
| *ma Posan* | Bosnio |
| *ma Posuka* | Pollando |
| *ma Potuke* | Portugalio |
| *ma Samalino* | Sanmarino |
| *ma Seki* | Ĉeĥio |
| *ma Sipe* | Albanio |
| *ma Sopisi* | Serbio |
| *ma Sukosi* | Skotlando |
| *ma Sumi* | Finnlando |
| *ma Suwasi* | Svislando |
| *ma Tansi* | Danio |
| *ma Tosi* | Germanio |
| *ma Tuki* | Turkio |
| *ma Ukawina* | Ukrainio |
| *ma Wasikano* | Vatikano |
| *ma Wensa* | Svedio |

## Oceanio

| | |
|---|---|
| *ma Intonesija* | Indonezio |
| *ma Kilipasi* | Kiribato |
| *ma Nusilan* | Nov-Zelando |
| *ma Oselija* | Aŭstralio |
| *ma Papuwanijukini* | Papuo-Nov-Gvineo |
| *ma Pisi* | Fiĝio |
| *ma Samowa* | Samoo |

| | |
|---|---|
| *ma Tona* | Tongo |
| *ma Tuwalu* | Tuvalo |
| *ma Wanuwatu* | Vanuatuo |

## Lingvonomoj

| | |
|---|---|
| *toki Alapi* | la araba |
| *toki Apikan* | la afrikansa |
| *toki Awasa* | la haŭsa |
| *toki Awisi* | la haitia kreolo |
| *toki Elena* | la greka |
| *toki Epanja* | la hispana |
| *toki Esi* | la estona |
| *toki Esuka* | la eŭska |
| *toki Inli* | la angla |
| *toki Insi* | la hindia |
| *toki Intonesija* | la indonezia |
| *toki Inu* | inuitaj lingvoj |
| *toki Ipo* | la igba |
| *toki Isilan* | la islanda |
| *toki Italija* | la itala |
| *toki Iwisi* | la hebrea |
| *toki Jolupa* | la joruba |
| *toki Kalike* | la skotgaela |
| *toki Kanse* | la franca |
| *toki Kantun* | la kantona |
| *toki Kinla* | la kimra |
| *toki Lasina* | Latino |
| *toki Lomani* | la rumana |
| *toki Losi* | la rusa |
| *toki Lowasi* | la kroata |
| *toki Mosijo* | la hungara |
| *toki Netelan* | la nederlanda |

| | |
|---|---|
| *toki Nijon* | la japana |
| *toki Nosiki* | la norvega (*Bokmål*) |
| *toki Nosiki sin* | la novnorvega (*Nynorsk*) |
| *toki Panla* | la bengala |
| *toki Peson* | la bretona |
| *toki Pokasi* | la bulgara |
| *toki Posan* | la bosna |
| *toki Potuke* | la portugala |
| *toki Sameka* | la jamajka kreolo |
| *toki Seki* | la ĉeĥa |
| *toki Sesi* | la ceza |
| *toki Sikipe* | la albana |
| *toki Sonko* | la ĉina |
| *toki Sopisi* | la serba |
| *toki Sumi* | la finna |
| *toki Tansi* | la dana |
| *toki Topisin* | Tokpisino |
| *toki Tosi* | la germana |

## Signolingvoj

La lingvistika publikaĵo Ethnologue listigas 121 surdulajn signolingvojn uzatajn en la tuta mondo. Por nomi signolingvon en Tokipono, simple aldonu la nomon de la lando aŭ regiono post *toki luka* (mana lingvo). Jen nekompleta listo:

| | |
|---|---|
| *toki luka* | signolingvo |
| *toki luka Kanse* | franca signolingvo |
| *toki luka Kepeka* | kebeka signolingvo |
| *toki luka Mewika* | usona signolingvo |
| *toki luka Oselija* | aŭstralia signolingvo |
| *toki luka Piten* | brita signolingvo |
| *toki luka Sonko* | ĉina signolingvo |
| *toki luka Tosi* | germana signolingvo |
| *toki Inli luka* | la mane kodita angla |
| *toki pona luka* | mansigna Tokipono |

## Konstruitaj lingvoj

Kompreneble, Esperanto kaj Tokipono ne estas la solaj konstruitaj lingvoj. Aliaj kreaĵoj estas interalie:

| | |
|---|---|
| *toki sin* | konstruita lingvo |
| *toki Apiwili* | Afrihilio (*Afrihili*) |
| *toki Elepen* | Nova Lingvafrankao (*Lingua Franca Nova*) |
| *toki Epelanto* | Esperanto |
| *toki Inli pona* | la baza angla (*Basic English*) |
| *toki Inota* | *Lingua Ignota* |

| | |
|---|---|
| *toki Intelinwa* | Interlingvao (*Interlingua*) |
| *toki Ito* | Ido |
| *toki Kuwenja* | la kvenja (*Quenya*) |
| *toki Latan* | Laadano (*Láadan*) |
| *toki Litepa* | *Lingwa de Planeta* |
| *toki Losupan* | Loĵbano (*Lojban*) |
| *toki Mansi* | *Mänti* |
| *toki Nawi* | la navia (*Na'vi*) |
| *toki Nejo* | Neo |
| *toki Olapi* | Volapuko (*Volapük*) |
| *toki Palepelen* | *Bâleyben* |
| *toki Pasiki* | *Fyksian* |
| *toki pona* | Tokipono (*toki pona*) |
| *toki Sanpasa* | Sambaso (*Sambahsa*) |
| *toki Selen* | *Seren* |
| *toki Semisi* | *Semitish* |
| *toki Sinan* | la klingona (*Klingon, tlhIngan Hol*) |
| *toki Sintalin* | la sindara (*Sindarin*) |
| *toki sitelen Anlasi* | unkera nelinia skribsistemo (*Unker Non-Linear Writing System*) |
| *toki sitelen Pisinpo* | blisa skribo (*Blissymbols*) |
| *toki Soleso* | Solresolo (*Solresol*) |
| *toki Soma* | *Somish* |
| *toki Tolome* | *Traumae* |
| *toki Tosulaki* | la dotraka (*Dothraki*) |

# Utilaj frazoj

| | |
|---|---|
| *toki* | saluton! |
| *pona* | bone, dankon, en ordo |
| *pona tawa sina* | pacon al vi |
| *mi tawa* | ĝis la revido (diras tiu, kiu foriras) |
| *tawa pona* | ĝis la revido (diras tiu, kiu restas) |
| *mi wile (e ni)* | bonvolu, mi volus, mi ŝatus |
| *ale li pona* | ĉio enordas, la vivo bonas, ne zorgu |
| *ike a* | ho ve |
| *lape pona* | bonan nokton |
| *kama pona* | bonvenon |
| *moku pona* | bonan apetiton |
| *seme li sin?* | kio novas? |
| *sina pilin seme?* | kiel vi fartas? kiel vi sentas vin? |
| *a a a!* | ha ha ha! |
| *mi kama sona e toki pona* | mi lernas Tokiponon |
| *sina pona* | vi mojosas, mi ŝatas vin [30] |
| *mi olin e sina* | mi amas vin |
| *tomo telo li lon seme?* | kie estas la necesejo? |

[30] Noto de la tradukinto: *sina pona* estas ankaŭ ofte uzata por diri "dankon", nuntempe (en 2022) iom pli ofte ol nura *pona*.

# Oficiala tokipona vortaro

*a* aŭ *kin* [31]

PARTIKULO (emfazo, emocio aŭ konfirmo)

*akesi*

SUBSTANTIVO reptilio, amfibio [32]

*ala*

ADJEKTIVO ne, nul

*alasa*

VERBO ĉasi, kolekti

*ale* aŭ *ali*

ADJEKTIVO ĉiuj; abunda, nenombrebla, ĉiu

SUBSTANTIVO abundo, ĉio, vivo, universo

NOMBRO 100

*anpa*

ADJEKTIVO klinanta sin, malsupren, humila, modesta, dependa

*ante*

ADJEKTIVO malsama, ŝanĝita, alia

*anu*

PARTIKULO aŭ

[31] *ku*: Por malpliigi la vortostokon por lernantoj, la originala angla versio de ĉi tiu libro prezentis kelkajn vortojn kiel unuiĝintajn sinonimojn: *a* kaj *kin*, *sin* kaj *namako*, *lukin* kaj *oko*. En efektiva uzado en la tokipona komunumo, kaj antaŭ kaj post la unua eldono de la libro, oni uzas ĉi tiujn vortojn kun malsamaj signifoj. Vidu iliajn difinojn en la aldonaĵo (*nimi ku suli pi pu ala*) sur paĝo 148.

[32] Noto de la tradukinto: La originala angla eldono havas ĉe *akesi* la signifon "neĉarma besto", sed laŭ la notoj de Sonja Lang en *Toki Pona Dictionary* tiu signifo estas eksdata.

*awen*

ADJEKTIVO daŭranta, tenata, gardata, protektita, sekura, atendanta, restanta

ANTAŬVERBO daŭre ...i, konstante ...i, plu-

*e*

PARTIKULO (antaŭ la rekta objekto)

*en*

PARTIKULO (inter pluraj subjektoj)

*esun*

SUBSTANTIVO bazaro, vendejo, foiro, komerca transakcio

*ijo*

SUBSTANTIVO aĵo, fenomeno, objekto, afero

*ike*

ADJEKTIVO malbona, negativa; neesenca, malgrava

*ilo*

SUBSTANTIVO ilo, maŝino, aparato

*insa*

SUBSTANTIVO centro, enhavo, eno, inter; ena organo, ventro, stomako

*jaki*

ADJEKTIVO naŭza, obscena, malagrabla, toksa, malpura, malhigiena

*jan*

SUBSTANTIVO homo, persono, iu

*jelo*

ADJEKTIVO flava, flaveca

*jo*

VERBO havi, porti, enhavi, teni

*kala*

SUBSTANTIVO fiŝo, mara besto, mara vivaĵo

*kalama*

VERBO fari sonon; reciti, diri laŭte aŭ voĉe

*kama*

ADJEKTIVO alvenanta, venonta, estonteca, venigita

ANTAŬVERBO iĝi, sukcesi, elturniĝi pri

*kasi*

SUBSTANTIVO planto, vegetaĵo; herbo, folio

*ken*

ANTAŬVERBO povi, rajti

ADJEKTIVO ebla

*kepeken*

PREPOZICIO uzi, per, uzante

*kili*

SUBSTANTIVO frukto, legomo, manĝebla fungo

*kiwen*

SUBSTANTIVO malmolaĵo, metalo, roko, ŝtono

*ko*

SUBSTANTIVO argilo, kunteniĝanta aŭ glueca formo, pasto, duonsolidaĵo, pulvoro

*kon*

SUBSTANTIVO aero, spiro; esenco, spirito; kaŝita realaĵo, io nevidata kio havas ian efikon

*kule*

ADJEKTIVO kolora, pigmenta, pentrita

*kulupu*

SUBSTANTIVO komunumo, kunularo, grupo, nacio, socio, tribo

*kute*

SUBSTANTIVO orelo

VERBO aŭdi, aŭskulti; atenti, obei

*la*

PARTIKULO (inter la kunteksta frazparto kaj la ĉeffrazo)

*lape*

ADJEKTIVO dormanta, ripozanta

*laso*

ADJEKTIVO blua, verda

*lawa*

SUBSTANTIVO kapo, menso

VERBO gvidi, direkti, estri, konduki, posedi, plani, reguligi, regi

*len*

SUBSTANTIVO ŝtofo, vestaĵo, teksaĵo; kovraĵo, tavolo de privateco

*lete*

ADJEKTIVO malvarma; nekuirita, kruda

*li*

PARTIKULO (inter subjekto krom sola *mi* aŭ sola *sina* kaj ties verbo; ankaŭ por enkonduki novan verbon de la sama subjekto)

*lili*

ADJEKTIVO malgranda, malalta; malmulta; iomete; juna

*linja*

SUBSTANTIVO io longa kaj fleksebla; kordo, haro, ŝnuro, fadeno

*lipu*

SUBSTANTIVO plata objekto; libro, dokumento, karto, papero, registro, retejo

*loje*

ADJEKTIVO ruĝa, ruĝeca

*lon*

PREPOZICIO estanta en iu loko, estanta ĉe, reala, vera, ekzistanta

*luka*

SUBSTANTIVO brako, mano, tuŝorgano

NOMBRO kvin

*lukin* aŭ *oko* [31]

SUBSTANTIVO okulo

VERBO rigardi, vidi, ekzameni, observi, legi, spekti

ANTAŬVERBO provi [33]

*lupa*

SUBSTANTIVO pordo, truo, korpa aperturo, fenestro

*ma*

SUBSTANTIVO tero, terpeco; eksterdoma subĉiela loko, mondo; lando, ŝtato, teritorio; tero (substanco)

*mama*

SUBSTANTIVO patro, patrino, gepatroj, praulo; kreinto, iniciatinto, fondinto; prizorganto, bontenanto

*mani*

SUBSTANTIVO mono, riĉaĵoj, ŝparaĵo, kontanta mono; bruto, granda malsovaĝa besto

*meli*

SUBSTANTIVO virino, ino; edzino

*mi*

SUBSTANTIVO mi, ni

*mije*

SUBSTANTIVO viro, virseksulo; edzo

*moku*

VERBO manĝi, trinki, konsumi, gluti

*moli*

ADJEKTIVO mortinta, mortanta

---

[33] Noto de la tradukinto: Ankaŭ *alasa* estas uzata ĉi-sence. Ĉe la enketoj de *Toki Pona Dictionary*, *lukin* kaj *alasa* estis same ofte uzataj por esprimi "provi". Vidu ankaŭ la piednoton sur paĝo 54.

*monsi*

SUBSTANTIVO dorso, malantaŭo

*mu*

PARTIKULO (bleko, aŭ alia besta sono aŭ komunikaĵo)

*mun*

SUBSTANTIVO luno, nokta ĉiela objekto, stelo

*musi*

ADJEKTIVO arta, amuza, frivola, ludeca, rilata al amuziĝo

*mute*

ADJEKTIVO multaj, multe, pluraj, tre

SUBSTANTIVO kvanto

NOMBRO[34] 20

*nanpa*

PARTIKULO -a (kiel en "unua", "dua", ktp; indikas pozicion en vicordo)

SUBSTANTIVO ciferoj, nombroj

*nasa*

ADJEKTIVO nekutima, stranga; bufona, malserioza, stulteta; ebria

*nasin*

SUBSTANTIVO maniero, kutimo, doktrino, metodo, vojo, irejo

*nena*

SUBSTANTIVO elstara malebenaĵo, elstaraĵo, tubero, butono, monteto, monto, nazo

*ni*

ADJEKTIVO (ĉi) tiu, (ĉi) tio

---

[34] Noto de la tradukinto: La signifo de *mute* kiel nombro mankas en la originala angla versio de la vortaro, kvankam ĝi ja aperas en leciono 12. (Vidu ĉe paĝo 52.) Ĉi tie ĝi estas aldonita por kompleteco.

*nimi*

SUBSTANTIVO nomo, vorto

*noka*

SUBSTANTIVO piedo, kruro, moviĝa organo; malsupro, malsupra parto

*o*

PARTIKULO he! (vokativo aŭ imperativo)

*olin*

VERBO ami, simpatii kun, respekti, montri sian korinklinon al

*ona*

SUBSTANTIVO li, ŝi, (ri,) ĝi, ili

*open*

VERBO komenci; malfermi; ŝalti

*pakala*

ADJEKTIVO fuŝita, rompita, damaĝita, difektita

*pali*

VERBO fari, agi por atingi aŭ plenumi ion, prilabori; konstrui, fari, prepari

*palisa*

SUBSTANTIVO io longa kaj rigida; branĉo, stango, bastono

*pan*

SUBSTANTIVO greno, cerealo; aveno, hordeo, maizo, rizo, tritiko; pano, pastaĵo

*pana*

VERBO doni, sendi, eligi, ellasi, provizi, meti

*pi*

PARTIKULO de

*pilin*

SUBSTANTIVO koro (fizika aŭ emocia)

ADJEKTIVO sentanta (emocion, rektan sperton)

*pimeja*

ADJEKTIVO nigra, malhela, malluma

*pini*

ADJEKTIVO antaŭa, finfarita, finita, finiĝinta, pasinta

*pipi*

SUBSTANTIVO insekto, formiko, araneo, eta senvertebrulo

*poka*

SUBSTANTIVO kokso, flanko; apud, proksime de, proksimaĵo

*poki*

SUBSTANTIVO ujo, sako, bovlo, skatolo, taso, ŝranko, tirkesto

*pona*

ADJEKTIVO bona, pozitiva, utila; amika, paca; simpla

*pu*

ADJEKTIVO interaganta kun la oficiala libro de Tokipono

*sama*

ADJEKTIVO sama, simila; unu la alia; gefrata, kamarada, kunula [35]

PREPOZICIO kiel, simile al

*seli*

SUBSTANTIVO fajro; varmiga elemento de kuirilo, kemia reago, fonto de varmo

*selo*

SUBSTANTIVO ekstera formo, ekstera tavolo; ŝelo (de arbo, frukto, molusko), karapaco, haŭto; limo

[35] Noto de la tradukinto: *jan sama* (laŭvorte "simila persono") estas ofta esprimo por "frato, fratino, kamarado, egalulo, kunulo". Tial la difino enhavas la tradukojn "gefrata, kamarada, kunula".
La gefratoj de birdo estus *waso sama*, kaj se vi havus grupon da kamaradoj, eblus nomi ilin *kulupu sama mi*. Notu, ke por esprimi "fratina domo" (t.e. "domo de fratino") oni ne uzus *tomo sama* sed *tomo pi jan sama*.

*seme*

PARTIKULO kio? kiu?

*sewi*

SUBSTANTIVO spaco super io, plej alta parto de io, io pli alta

ADJEKTIVO miriga, dia, sankta, supernatura

*sijelo*

SUBSTANTIVO korpo (de homo aŭ besto), fizika stato, torso

*sike*

SUBSTANTIVO io ronda aŭ cirkla; pilko, cirklo, ciklo, globo, sfero, rado

ADJEKTIVO de unu jaro

*sin* aŭ *namako* [31]

ADJEKTIVO nova, freŝa; plia, aldona, kroma

*sina*

SUBSTANTIVO vi

*sinpin*

SUBSTANTIVO vizaĝo, antaŭo, muro

*sitelen*

SUBSTANTIVO bildo, figuro, simbolo, markaĵo, skribaĵo

*sona*

VERBO scii, koni, esti lerta pri, esti saĝa pri, havi informojn pri

ANTAŬVERBO scipovi

*soweli*

SUBSTANTIVO besto, surtera mamulo

*suli*

ADJEKTIVO granda, peza, longa, alta; grava; plenkreska

*suno*

SUBSTANTIVO suno; lumo, heleco, ardeco, brilo; lumfonto

*supa*

SUBSTANTIVO horizontala surfaco, io sur kio oni metas ion alian

*suwi*

ADJEKTIVO dolĉa, bonodora; ĉarma, senkulpa, aminda

*tan*

PREPOZICIO fare de, el, pro

*taso*

PARTIKULO sed, tamen

ADJEKTIVO nur

*tawa*

PREPOZICIO al, iranta al, en la direkto al; por, al; laŭ la vidpunkto de

ADJEKTIVO moviĝanta

*telo*

SUBSTANTIVO akvo, likvo, fluaĵo, malseka substanco; trinkaĵo

*tenpo*

SUBSTANTIVO tempo, daŭro, momento, okazo, fojo, periodo, situacio

*toki*

VERBO komuniki, diri, paroli, uzi lingvon, pensi

*tomo*

SUBSTANTIVO endoma spaco; konstruaĵo, hejmo, domo, ĉambro

*tu*

NOMBRO du

*unpa*

VERBO seksumi, amori

*uta*

SUBSTANTIVO buŝo, lipoj, buŝa kavo, makzeloj

*utala*

VERBO batali, defii, konkuri kontraŭ, lukti kontraŭ

*walo*

ADJEKTIVO blanka, blankeca; helkolora, pala

*wan*

ADJEKTIVO unika, unueca

NOMBRO unu

*waso*

SUBSTANTIVO birdo, fluganta vivaĵo, besto kun flugiloj

*wawa*

ADJEKTIVO forta, potenca; memfida, nedubanta; energia, intensa

*weka*

ADJEKTIVO neĉeestanta, fora, ignorata

*wile*

ANTAŬVERBO devi, bezoni, devus ...i, voli, deziri

# Aldonaĵo: *nimi ku suli pi pu ala*

Noto de la tradukinto: Ĉi tiuj ne-puaj vortoj estas menciitaj de pli ol 40 % de la respondintoj en esplorenketo, kiun Sonja faris en la tokipona komunumo. Vi povas mem elekti laŭ via propra stilo kaj prefero, ĉu vi volas uzi ilin. Se vi ŝatas la minimumismon de la pua stilo, vi povas bone elturniĝi sen la ĉi-subaj vortoj. Kaj aliflanke, se iuj aŭ ĉiuj el la vortoj plaĉas al vi, vi povas uzi ilin sciante, ke plejparto de la tokiponistaro komprenos vin senprobleme.

| | |
|---|---|
| *epiku* | mojosa, mirinda |
| *jasima* | reflekti, renversa |
| *kijetesantakalu* | lavurso, musteloidoj |
| *kin* | ankaŭ, cetere |
| *kipisi* | dividi, fendi, tranĉi, dividaĵo, tranĉo, parto |
| *kokosila* | krokodili (paroli alian lingvon ol Tokiponon en tokipona medio) |
| *ku* | interagi kun *Toki Pona Dictionary* (libro de Sonja Lang) |
| *lanpan* | (for)preni, (ek)kapti, ŝteli |
| *leko* | kvadrato, kubo, bloko, ŝtupo, briko |
| *meso* | averaĝa, modera, meza, mezgranda, mezkvalita, ordinara |
| *misikeke* | medikamento, kuracilo, kuraci, pilolo, medicina |
| *monsuta* | timiga, timigaĵo, monstro, timinda sovaĝbesto, demono, maltrankviliga |
| *n* | hm, nu |
| *namako* | aldona, aldonaĵo, spico, salo, ornamaĵo, bonuso, kroma, speciala |
| *oko* | okulo, vidkapablo |
| *soko* | fungo |
| *tonsi* | neduuma, neduumulo, genre nekonforma persono, transgenrulo, interseksulo |

En 2022 ĉi tiuj estis la plej oftaj signoj en *sitelen pona* por la apudaj ne-puaj vortoj. La komunumo ankoraŭ ne tute konsentas pri la signoj de ĉiuj vortoj ĉi tie, do atentu, ke la plej akceptata signo de iu vorto povus esti malsama post iom da tempo.

*epiku* *jasima* *kijetesantakalu* *kin*

*kipisi* *kokosila* *ku* *lanpan*

*leko* *meso* *misikeke* *monsuta*

*n* *namako*[36] *oko*

*soko* *tonsi*

[36]La maldekstra *namako* estas uzata ekde 2016, kaj la dekstran Sonja elpensis por propra uzado kaj publikigis en 2022.

# Aldonaĵo: Listo de piednotoj

p. 7 (Antaŭparolo al la esperanta eldono)

Ligiloj al kelkaj rekomendindaj ekzemploj de tiaj tokiponaĵoj estas troveblaj sur la oficiala retpaĝo de Tokipono: *https://tokipona.org*

p. 9 (Antaŭparolo)

*ku*: Ĉi tiu libro servas kvazaŭ momentfoto kaj referenco pri la maniero, kiel unu grava homo uzis Tokiponon en unu grava tempopunkto. Ĉi tiu bazo venas kun la invito en leciono 19. "Jen via vico nun. Amuziĝu. Kreu, ludu, kaj estu *pona*!"

p. 13 (Kio estas Tokipono? – Limigoj)

Noto de la tradukinto: Krom la ĉi tie menciitaj tradukoj, *Toki Pona Dictionary* proponas ankaŭ *waso alasa* ("ĉasanta birdo") por aglo, kaj *waso moku* ("manĝaĵa birdo") kaj *waso pi pana sike* ("glob-dona (ov-dona) birdo") por koko.

p. 19 (Leciono 2: Vortoj kaj frazoj)

*ku*: La libro instruas vortojn per vortospecoj kaj ekzemplaj tradukoj, kiuj estas facile rekoneblaj por lernantoj, kiuj parolas Esperanton, ekz. substantivoj, adjektivoj, verboj. Pli profunda analizo de Tokipono malkovras, ke modelo kun enhavovortoj kaj partikuloj (inter aliaj) povus esti pli taŭga aŭ ekzakta. Por unu tia ekzemplo (anglalingva), serĉu "Toki Pona Analysis: Parts of Speech" de u/pisceyo (kala kala) en Reddit.

p. 25 (Leciono 4: Vi kaj mi)

*ku*: Ĉi tie la vorto *mi* estas prezentita kun la signifo “mi, ni”. Mi ŝatus substreki, ke singulareco ne estas la normo en Tokipono.

*ku*: Ĉi tie la libro jam instruis la vortojn *meli* kaj *mije*. La tokipona komunumo aldone kreis trian vorton, *tonsi*, kaj mi subtenas ĝin. Vidu ĝian difinon en la aldonaĵo (*nimi ku suli pi pu ala*) sur paĝo 148.

p. 28 (Leciono 5: Verboj)

*ku*: La vorto *kute* ja povas signifi obei, sed ankaŭ aliaj perceptaj verboj kiel *lukin* povas esti uzataj por obei, ekzemple se oni komunikis la ordonojn per vidaj rimedoj (ekz. per skribaĵo aŭ mansignoj).

Noto de la tradukinto: Gramatike spertaj legantoj eble rimarkis, ke en ĉi tiu libro la vorto “verbo” ofte referas specife al transitivaj verboj. (En Tokipono tio estas vorto, kies signifo ne ŝanĝiĝas, se oni metas *e* post ĝi.) Vidu ankaŭ mian noton pri netransitivaj verboj en la sekva leciono, sur paĝo 33.

p. 32 (Leciono 6: Pli da adjektivoj)

*ku*: Pli precize, la vorto *pu* priskribas rilaton kaj interagon inter persono (*jan pu*) kaj la libro (*lipu pu*). En malformala uzado, iuj uzas la vorton *pu* kiel nomon de la libro mem aŭ por la variaĵo de Tokipono, kiun ĝi prezentas.

p. 33 (Leciono 6: Pli da adjektivoj)

Noto de la tradukinto: Tokipona gramatiko ne distingas inter adjektivoj, adverboj kaj netransitivaj verboj. Tial en la vortlistoj en ĉi tiu libro la vortoj, kiujn oni kutime tradukas per netransitivaj verboj, estas markitaj kiel adjektivoj kaj havas tradukojn, kiuj finiĝas je "-anta". Ekzemple, *mi lape* ("mi dormas") estas analizebla kiel "mi estas dormanta".

p. 37 (Leciono 7: Demandoj kaj respondoj)

*ku*: Kelkaj homoj faras ĉu-demandojn per nur intonacio, sen aldoni *anu seme* aŭ uzi la *ala*-metodon. Kvankam tio povas okazi spontanee en kelkaj situacioj, mi ne rekomendus tion kiel la ĉefan manieron por fari ĉu-demandojn, aparte se oni skribas.

Aldone al la metodo ripeti la verbon por diri "jes", oni ankaŭ tre ofte aŭdas "lon" kun la signifo "jes, tio estas vera".

p. 39 (Leciono 8: Prepozicioj)

*ku*: En fruaj jaroj de tokipona historio, oni uzis *kepeken* kaj kiel prepozicion (sen *e*) kaj kiel transitivan verbon (kun *e*). Poste iuj provis fari tiel, ke *kepeken* estu uzata nur kiel prepozicio, t.e. sen *e*. Nuntempe iuj homoj uzas *kepeken e*, kvankam la plejmulto uzas *kepeken* nur kiel prepozicion. Povas esti, ke ambaŭ metodoj havas siajn avantaĝojn.

Prepozicia stilo:

*o kepeken ala ilo ike.* aŭ *o kepeken ilo ike ala.*

Transitivverba stilo:

*o kepeken ala e ilo ike.* aŭ *o kepeken e ilo ike ala.*

Multaj parolantoj uzas prepoziciojn ankaŭ kiel substantivojn. Ekzemple:

| | |
|---|---|
| *mi sona ala e tan.* | Mi ne scias la kialon. |
| *mi toki e lon.* | Mi diras la veron. |

p. 40 (Leciono 8: Prepozicioj)

*ku*: Mi mem uzas la prepozicion *lon* en tre larĝa signifo. Oni povus esprimi la ekzemplon *mi toki lon toki pona* ankaŭ per *mi toki kepeken toki pona*, kaj multaj tokiponaj parolantoj preferas tion. Mi mem uzas *lon* ankaŭ, kiam mi parolas "pri" io: *mi toki lon kili.* Mi parolas pri karotoj.

p. 43 (Leciono 9: Propraj nomoj)

*ku*: Por "ĉina virino" multaj homoj opinias, ke estas pli klare diri *meli pi ma Sonko* aŭ *meli tan ma Sonko* aŭ *meli pi kulupu Sonko*. Tio evitas, ke oni miskomprenus ĝin kiel "virino, kiu nomiĝas Sonko", ĉar la ĉefa interpreto de "[substantivo] [Nomo]" estas "[substantivo], kiu nomiĝas [Nomo]".

p. 49 (Leciono 11: *pi*)

*ku*: Kvankam la partikulo *pi* ĉi tie havas la tradukon "de", estus pli precize dirite, ke *pi* aligrupigas modifilojn. Kiel la ekzemploj montras, ĝi ne kondutas ekzakte same kiel la esperanta vorto "de". Eble povus esti utile kompari la

konduton de *pi* al kunmetado en Esperanto. Ekzemple, komparu:

| | |
|---|---|
| *<u>pali jan</u> wan* | unu persona projekto (unu projekto de iu homo) |
| *pali pi <u>jan wan</u>* | unupersona projekto (projekto farita de unu homo) |
| *<u>waso kule</u> tu* | du buntaj birdoj |
| *waso pi <u>kule tu</u>* | dukolora birdo |

Cetere, ekzistas tute alia uzmaniero de *pi*, laŭ la strukturo *A pi B en C*. Ĝi estas tre malnova uzmaniero de *pi*, kiun kelkaj daŭre uzas. Tamen, multaj parolantoj malŝatas uzi ĝin. Ekzemple, *linja pi ma en sewi* estas unu maniero por diri "horizonto", kaj *musi pi kiwen walo en kiwen pimeja* estas unu maniero por diri "ŝako".

p. 51 (Leciono 11: *pi*)

*ku*: Ĉi tiu proverba tokipona klerulo atentu ankaŭ la uzadon en la tokipona komunumo.

p. 54 (Leciono 13: Antaŭverboj)

*ku*: Aliaj ekzemploj de antaŭverboj uzataj en la komunumo estas *alasa*, *open*, *pini* kaj *tawa*:

| | |
|---|---|
| *o alasa lukin e lipu.* | Provu legi la dokumenton. |
| *mi open seli e pan.* | Mi komencis kuiri rizon. |
| *sina pini moku e kili.* | Vi finis manĝi la kumkvaton. |
| *mi tawa moku e kala.* | Mi iras manĝi marfruktojn. |

p. 57 (Leciono 14: Koloroj kaj *la*)

*ku*: Laŭ mia opinio, ne gravas, ĉu oni uzas komon antaŭ *la*, post *la* aŭ tute ne uzas ĝin. Tio estas nur persona elekto pri stilo.

p. 60 (Leciono 15: Lokvortoj)

*ku*: La pua libro enkondukas iom strangan uzmanieron de *noka*, kiu ne kongruas kun ĝia tradicia uzmaniero. Oni multe pli ofte uzas *noka* kiel "kruro, piedo" kaj *anpa* kiel "suba loko, malsupra parto".

p. 62 (Leciono 16: Partikuloj kaj perspektivoj)

Pri "gefrata", vidu la piednoton sur paĝo 144.

*ku*: En pua stilo, la partikulo *li* povas enkonduki novan verbon por triapersona subjekto, sed se la subjekto estas *mi* aŭ *sina*, oni komencas novan frazon. Tio estas restaĵo de tio, ke *li* estis origine markilo por tria persono. Multaj parolantoj plilarĝigis la uzmanieron de *li* tiel, ke ĝi povas enkonduki novan verbon, eĉ se la subjekto estas *mi* aŭ *sina*.

pua stilo:

| | |
|---|---|
| *jan li toki li moku.* | La persono parolas kaj manĝas. |
| *mi toki. mi moku.* | Mi parolas kaj manĝas. |

Pli larĝa uzado de li:

| | |
|---|---|
| *jan li toki li moku.* | La persono parolas kaj manĝas. |
| *mi toki li moku.* | Mi parolas kaj manĝas. |

p. 64 (Leciono 17: Ĉasa aventuro)

*ku*: Eblas ankaŭ: *mi wile e ni: jan Melani li kama lon tomo mi.*

p. 68 (Leciono 19: Ek al la esplorado)

*ku*: Jen senkonteste la plej grava mesaĝo en *lipu pu*.

p. 82 (Tokiponaj proverboj)

*ku*: Kompreneble ne ĉiuj viroj spertas alisekseman allogon ĉi-maniere.

p. 104 (Mansigna Tokipono)

*ku*: Mansigna Tokipono (*toki pona luka*) estas proponita kiel amuzaĵo por batali kun loĵbanistoj. Ekde tiam ekestis nova kaj tre *pona* projekto, Lukapono (*luka pona*), kiun *jan Olipija* inventis kiel naturalisman signolingvon uzeblan apud Tokipono. Mi rekomendas lerni Lukaponon.

p. 116 (Hieroglifoj)

Noto de la aŭtorino: Kvarpiede estas pli ĉarme:



p. 117 (Hieroglifoj)

Noto de la tradukinto: Pli-malpli iu ajn sufiĉe ĥaosa skribaĉo povas esti uzata por skribi *jaki*. Jen kelkaj skribitaj de mi:



p. 120   (Hieroglifoj)

*ku*: Ekzistas ankaŭ alternativa sekulara formo de la signo de *sewi*:



Ĝi kongruas kun la aliaj lokvortoj, kiel *anpa*.

p. 123   (Hieroglifoj)

*ku*: La komunumo kreis *sitelen-pona*-signojn por multaj ne-puaj vortoj. Ekzemploj de du elstaraj tiparaj projektoj estas *linja sike* de *lipamanka* kaj *linja suwi* de *jan Ana*.

(Kelkaj el la plej oftaj ne-puaj signoj estas sur paĝo 149)

p. 124   (Loknomoj)

*ku*: Ĉi tiuj tokiponigoj estis proponitaj kiel sugestoj, kaj ili daŭre estas utilaj, se oni ne trovas pli uzindan alternativon. Se la parolantoj en la tokipona komunumo, kaj aparte tiuj kun rilato al la koncerna loko aŭ lingvo, konsentas inter si pri preferata tokipona nomo, bonvolu uzi tiun formon. En Tokipono oni preferas uzi endonimojn. Oni ankaŭ preferas reuzi la saman vorton por la lando, la lingvo kaj la gento. Rigardu ĉe *nimi.tokipona.org*

p. 128   (Loknomoj)

*ku*: Ĉu la ekzemplo *ma Sawusi* estas eraro, aŭ indiko, ke tokipona fonotakso estas malpli strikta, kiam oni tokiponigas alilingvajn vortojn?

p. 136 (Utilaj frazoj)

Noto de la tradukinto: *sina pona* estas ankaŭ ofte uzata por diri "dankon", nuntempe (en 2022) iom pli ofte ol nura *pona*.

p. 137 (Oficiala tokipona vortaro)

*ku*: Por malpliigi la vortostokon por lernantoj, la originala angla versio de ĉi tiu libro prezentis kelkajn vortojn kiel unuiĝintajn sinonimojn: *a* kaj *kin*, *sin* kaj *namako*, *lukin* kaj *oko*. En efektiva uzado en la tokipona komunumo, kaj antaŭ kaj post la unua eldono de la libro, oni uzas ĉi tiujn vortojn kun malsamaj signifoj. Vidu iliajn difinojn en la aldonaĵo (*nimi ku suli pi pu ala*) sur paĝo 148.

Noto de la tradukinto: La originala angla eldono havas ĉe *akesi* la signifon "neĉarma besto", sed laŭ la notoj de Sonja Lang en *Toki Pona Dictionary* tiu signifo estas eksdata.

p. 141 (Oficiala tokipona vortaro)

Noto de la tradukinto: Ankaŭ *alasa* estas uzata ĉi-sence. Ĉe la enketoj de *Toki Pona Dictionary*, *lukin* kaj *alasa* estis same ofte uzataj por esprimi "provi". Vidu ankaŭ la piednoton sur paĝo 54.

p. 142 (Oficiala tokipona vortaro)

Noto de la tradukinto: La signifo de *mute* kiel nombro mankas en la originala angla versio de la vortaro, kvankam ĝi ja aperas

en leciono 12. (Vidu ĉe paĝo 52.) Ĉi tie ĝi estas aldonita por kompleteco.

p. 144 (Oficiala tokipona vortaro)

Noto de la tradukinto: *jan sama* (laŭvorte "simila persono") estas ofta esprimo por "frato, fratino, kamarado, egalulo, kunulo". Tial la difino enhavas la tradukojn "gefrata, kamarada, kunula".

La gefratoj de birdo estus *waso sama*, kaj se vi havus grupon da kamaradoj, eblus nomi ilin *kulupu sama mi.* Notu, ke por esprimi "fratina domo" (t.e. "domo de fratino") oni ne uzus *tomo sama* sed *tomo pi jan sama.*

p. 149 (Aldonaĵo: *nimi ku suli pi pu ala*)

La maldekstra *namako* estas uzata ekde 2016, kaj la dekstran Sonja elpensis por propra uzado kaj publikigis en 2022.

# Detalaj agnoskoj (en Esperanto)

La paĝnumeroj en la agnoskoj referencas al la paĝnumeroj de la fizika libro, kiuj troveblas malsupre sur la paĝoj.

Jen la uzitaj permesiloj de Krea Komunaĵo kaj la korespondaj mallongigoj. Rigardu la retpaĝojn por informoj pri tio, kion vi rajtas fari per la permesilo, kaj kiuj kondiĉoj ekzistas.

- CC BY-NC 4.0 – Attribution-NonCommercial 4.0 International https://creativecommons.org/licenses/by-nc/4.0/deed.eo
- CC BY 4.0 – Attribution 4.0 International https://creativecommons.org/licenses/by/4.0/deed.eo
- CC0 1.0 – CC0 1.0 Universal Public Domain Dedication https://creativecommons.org/publicdomain/zero/1.0/deed.eo

Tekstoj sur paĝoj 3, 9-24, 103-147 (ekskluzive de piednotoj) estas verkitaj de Sonja Lang (2014), kaj tradukitaj de Spencer van der Meulen (2022).

Permisiloj:

- Paĝoj 9-24, 103-115, 124-136 : CC BY-NC 4.0
- Paĝoj 3, 116-123, 137-147 : CC0 1.0 (publika havaĵo)

La teksto sur paĝoj 7-8 estas verkita de Spencer van der Meulen (2022).

Permesilo: CC0 1.0 (publika havaĵo)

La tokipona teksto sur paĝo 95 estas verkita de Joop Kiefte (verkojaro nekonata). La enkonduko kaj esperanta traduko estas faritaj de Spencer van der Meulen (2022).



La tokipona teksto sur paĝo 96 estas verkita de Eŭgeno; originala versio el 2009, ĉi tiu versio el 2022. La enkonduko sur paĝo 96 kaj esperanta traduko sur paĝo 97 estas faritaj de Spencer van der Meulen (2022).



La poemo *Ho, mia kor'* sur paĝo 98 estas verkita de L. L. Zamenhof (1887). La tokipona versio kaj akompanaj klarigoj estas verkitaj de Spencer van der Meulen (2022).



La teksto sur paĝo 148 estas verkita de Julius Strake kaj Spencer van der Meulen, esperanta traduko de Spencer van der Meulen. La teksto sur paĝo 149 estas verkita de Spencer van der Meulen.



La ilustraĵo sur paĝo 1 estas farita de Sonja Lang (2014) kaj (re)vektorigita de Spencer van der Meulen (2022).



La ilustraĵoj sur paĝoj 105-106 estas faritaj de Yara Hindawi (2014).

# Detailed credits (in English)

The page numbers in these credits refer to the page numbers of the physical book, which are located at the bottom of each page.

These are the Creative Commons licenses that were used and their abbreviations. Check the webpages for information about what each license allows you to do and what terms apply.

- CC BY-NC 4.0 – Attribution-NonCommercial 4.0 International https://creativecommons.org/licenses/by-nc/4.0/
- CC BY 4.0 – Attribution 4.0 International https://creativecommons.org/licenses/by/4.0/
- CC0 1.0 – CC0 1.0 Universal Public Domain Dedication https://creativecommons.org/publicdomain/zero/1.0/

Texts on pages 3, 9-24, 103-147 (not including footnotes) are written by Sonja Lang (2014), and translated by Spencer van der Meulen (2022).

Licenses:

- Pages 9-24, 103-115, 124-136 :   CC BY-NC 4.0
- Pages 3, 116-123, 137-147 :   CC0 1.0 (public domain)

The tekst on pages 7-8 is written by Spencer van der Meulen (2022).

License: CC0 1.0 (public domain)

The Toki Pona text on page 95 is written by Joop Kiefte (year unknown). The introduction and Esperanto translation are written by Spencer van der Meulen (2022).



The Toki Pona text on page 96 is written by Eŭgeno; original version from 2009, this version from 2022. The introduction on page 96 and the Esperanto translation on page 97 are written by Spencer van der Meulen (2022).



The poem *Ho, mia kor'* on page 98 is written by L. L. Zamenhof (1887). The Toki Pona version and accompanying explanations are written by Spencer van der Meulen (2022).



The tekst on page 148 is written by Julius Strake and Spencer van der Meulen, Esperanto translation by Spencer van der Meulen. The text on page 149 is written by Spencer van der Meulen.



The illustration on page 1 is made by Sonja Lang (2014) and (re)vectorized by Spencer van der Meulen (2022).



The illustrations on pages 105-106 are made by Yara Hindawi (2014).